# LA VERDA LUPEO

28-a jaro



25(104) INFORMILO DE ELF-AREK MARTO 96

Offizielles Organ ArGe ESPERANTO im VPhA



## ANTAŬ 85 JAROJ

Sepa Universala Kongreso de ESPERANTO

ANTVERPENO

1911



20. — En la Korto de la Reĝa Ateneo: Kongresistoj atendantaj la malfermon de la Akceptejo.



KONGRESA KARTO

N^ro 719

DE F-ino C. Royer

Paris

LA LOKA ORGANIZA KOMITATO

LA SEKRETARIO-KASISTO. LA VIC-PREZIDANTO. LA PREZIDANTO.

D.W. Vanden Briel — Oscar Van Schoor — Vander Biest-Andelhof

LA MEMBROJ.

Maria Posenaer — Fram Schoofs — L. Kitschie — J. Dupont

La jena karto estas persona kaj deviga por ĉeesti festojn kaj kunvenojn.

# NEKROLOGO




*Ivar P A U L S S O N forlasis nin*

Nia kara prezidanto kaj altestimata amiko

Ivar P a u l s s o n

post longa suferado mortis en la mateno de la 10-a de decembro 1995 en sia hejmo en la urbo SOLNA apud Stokholmo. La naskiĝis en junio de 1915. Kun Esperanto li konatiĝis post 1946 kaj li aktivis en la laborista Esperanto-movado. Dum jardekoj li estis SAT-peranto por Svedio. Ekde 1953 li estis membro de la estraro de EKIK. La 1-an de oktobro 1968 li fondis kun 20 gekolektantoj la "Amikan Rondon de Esperantaj-koklektantoj" kaj fariĝis prezidanto. Li plenumis tiun funkcion ĝis la lasta spiro. 27 jarojn li ĉiam fidele kaj entuziasme servis al "EL-AREK" kaj li fariĝis kara kaj proksima amiko por homoj en multaj landoj. Ofte li estis gasto en niaj hejmoj en Plzen, Varsovio, Karl-Marx-Stadt (Chemnitz), Soltau, Budapesto, Leipzig, Dresden, Bad Hersfeld, Malmö, Kiel. Jam kun la scio pri sia baldaua morto lastfoje li partoprenis renkontiĝon de siaj ELF-AREK-anoj kadre de la UK-en Tampere.

Antaŭ jaro li perdis sian amatan edzinon Helena kaj nun postlasis la filinon Irene kaj du filojn. Al ili ni direktas nian elkoran kondolencon kaj kunsenton de profunda funebro.



*La lasta ELF-AREK-kunveno kadre de la UK en Tampere (FIN) 1995*
*(Foto:St. Mandrak (PL))*

Funebras kun la familio liaj geamikoj en Svedio, Aŭstrio, Brazilo, Britio, Ĉeĥio, Ĉinio, Danlando, Francio, Finnlando, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Korea Resp., Kolombio, Litovio, Nederlando, Pollando, Ruslando, Svislando, Usono kaj Venezuelo.

Lia amikino, germanino el Stokholmo, kiu informis min, mortis nur 8 tagojn poste en Germanio. Ankaŭ ŝi estis longtempe tre malsana.

*Stokholmo*



## Dankon de la redaktoro



Novjaraj salutoj kaj kontribuaĵoj por nia informilo atingis min de niaj klubaj geamikoj:

František PATERA, Stefan BIELAK, Josef MIKULSKI, Elda DÖRFLER, Anne-Greta STRÖNNE, Jean AMOUROUX, Christian DARBELLAY, Zhang LINRUI. Richard HIRSCH, Rolf BEAU, Hermann HEISS, Cornelius McKOWN, Emilio Folgado LOPEZ, Allesandro BELUCCI, Hans JANKOWSKI, Andre SADLER, GAO Zhen-xing

Al ĉiuj karaj geamikoj mi direktas mian koran kaj sinceran dankon. Bv. pardonu, se mi ankoraŭ ne respondis

via Rudolf **BURMEISTER**

G R A V A A T E N T I G O *** G R A V A A T E N T I G O *** G R A V A A T E N T I G O *** G R A V A A T E N T I G O *** G R A V A A T E N T I G O

Certe vi jam trovis la aldonaĵojn de tiu LVL. La 1-a (plej grava) estas la voĉdonilo, por ke ni baldaŭ havu novan prezidanton kaj vicprezidanton. Se iel eble tuj faru viajn krucojn al la ĝusta pozicio kaj tuj resendu al mi. La plej malfrua dato estas la 15 04 1996

La 2-a estas la mendilo por la suplemento 1996 por via katalogo Rekomendinde estas, ke vi resendu ĝin kune kun la voĉdonilo.

Por tiuj, kiuj ankoraŭ ne pagis la kotizon por 1995 ni aldonas 3-an aldonaĵon. Bv., se iel eble, tuj reagu kaj pagu vian kotizon por la pasinta jaro. Tiu estas nun vere la lasta LVL, kiun vi ricevas.

*Richard Hirsch*








Antau 7 jaroj mi transprenis la eldonadon de nia LVL. Mi ricevas la manuskriptojn de nia redaktoro, prilaboras (korektas ?), tajpas kaj fotokopias la paĝojn. Poste mi ekspedpretas la tuton kaj forsendos la pretan LVL al vi. Siatempe mi komencis per la numero "1" kaj nun mi atingis la numeron "25". Ŝajne estas tempo iom retrorigardi, sed mi neniam ricevis kritikojn, plibonigproponojn. Do, ŝajne ĉio estas en ordo. Nun, tiam mi daŭrigas mian laboron ĝis... ??

Richard Hirsch

## STAMPOBANKO

_Se vi bezonas Esperantaĵojn -----turnu vin al nia stampobanko_

Ne turnu vin al tiu pariza pm-komercisto, pri kiu vi kelkfoje povis legi en nia LVL. Tiu vendisto nomas "specialisto pri e-ajoj" kaj sekve ankaŭ postulas tro altajn pagojn.Li ekzemple postulas por la 300-dinara E-pm de Jugoslavio 3000,-- FF (100 FF = 29,10 DM) kvankam ĝi haveblas aliloke ankaŭ por triona prezo. ...tiel kaj alie sonas el letero de kolektanto, kiu vizitis tiun komercejon.

## *ELF-AREK-rendevuoj dum 1996*

*Germana E-Kongreso en Augsburg (D)*
Pentekoste ĝi okazos kaj partoprenos ĝin interalie niaj *Heiss* kaj *Hirsch*. Supozeble ankaŭ *Darbellay* (estrarano de GEA). Kompreneble eblas kunvoki surloke rendevuon, kiun certe ĉiuj niaj klubaj geamikoj bonvenigus. Kontaktu la kolektamikojn *Heiss* aŭ *Hirsch*.

*Kongreso de SAT-Amikaro en Orly (F)*
Tiu kongreso okazos dum la paskaj festotagoj 1996 en la tutmonde konata *Orly*. Partoprenos i.a. nia *Sadier*, kiu vokas al rendevuo por kolektantoj (oficiala programero). Estus certe ankaŭ por niaj francaj ELF-AREK-anoj bonvena okazo por rendevuo kaj faka kafoklaĉo.

## NIA ADRESARO

GAO Zhen-xing
Shandong Qingdao, Jiashanlu 50 hao
4 haolou Yidanyuan 2 hao

CN-266032 PR Ĉinio (China)

中国山东青岛嘉善路50号
4号楼乙单元2号。高振兴收
266032

## ANONCOJ

*Deziras interŝanĝi E-filatelaĵojn:*

Alessandro BELUCCI, Via della Formiche 7, I-58043 Castiglione della Pescaia (GR)
Li ankaŭ povus sendi pm-ojn de Italio, Vatikana Urbo aŭ San Marino.
Li estas delonge ELF-AREK-ano. Kontaktu lin!

## *ELF-AREK-anoj aktivas*

***Granda honorigo por Richard HIRSCH***

De la "Asocio de la Germanaj Filatelistoj" -centra estraro- nia Richard Hirsch ricevis la bronzan meritinsignon kun Honora Diplomo ***pro meritoj en la filatela esplorado kaj literaturo*** la 14-an de oktobro 1995. La germana Filatelista Asocio ĝuste celis honorigi lian laboron por nia filatelio.

Ni kore gratulas al nia Richard HIRSCH pro tiu granda ekstermovada honorigo!

E-filatela agado de nia AMOUROUX

Tre aktiva estas nia AMOUROUX en la popolarigo de E en la ekstermovada filatela mondo.

Sub la titolo ★ ESPERANTO ET PHILATÉLIE ★

li kronikis franclingve pri la *E-filatelo* en la LA PHILATÉLIE FRANÇAISE N° 486 - DÉCEMBRE 1994, oficiala organo de la Franca Federacio de Filatelaj Asocioj, de oktobro 1978 (n-ro 292) ĝis januaro 1991 (n-ro 439). Aperis entute 64 kronikoj.

Poste, nova redakcio ŝanĝis la formon de la artikoloj, ne plu kronika, sed ĉiufoje propra titolo kaj koloraj ilustraĵoj.

Aperis 12 de liaj artikoloj, kelkfoje plurpaĝaj en jenaj kajeroj: 445-46, 453, 457-58, 463, 466, 468, 472, 476. 484, 486 kaj 489.

Depost kiam mortis nia kluba amiko Jack-Andre ROUSSEAU vakis la kroniko en la "L'Echo de la Timbrologie": ĉiumonata eldonaĵo de la renoma poŝtmark-katalogo "Yvert kaj Tellier".

Dum Septembro 1995 Amouroux interkonsentis kun la redakcio pri la daŭrigo de la E-rubriko. La unua aperis novembro 1995 kun biografiaj notoj pri ROUSSEAU. Li estis membro de la "Asocio de la franclingva filatela gazetaro" - sekcio D: "aŭtoroj kaj kronikistoj", ek de 1962, nia AMOUROUX ek de 1981.

Nia AMOUROUX vere meritas nian sinceran dankon pro lia agado en tiu ekstermovada medio!

Rimarko de R. Hirsch: Mi ankaŭ subtenas tiun nacilingvan agadon, sed bedaŭrinde por ni, la redaktoro de LVL kaj la katalogprilaboranto perdiĝas multaj valoraj faktoj. Ĉu ne iu estus preta fari tradukojn, por ke ni povas uzi la valorajn informojn por nia laboro?

## STAMPOJ

BULGARIO

Mi partoprenis la 35-an Bulgaran Esperanto-Kongreson dum julio 1962 en la urbo *Burgas*, ĉe la Nigra Maro. Por ĝi aperis surpresita E-pm. Poŝtistino forvendis ĝin en la kongresejo kaj ankaŭ stampis poŝtajojn per nuliga datstampo nigrakolore kaj per du diversaj memorigaj poŝtaj apudstampoj verdakolore. La rondan bulgarlingvan stampon kun la E-stelo ni ĉiuj konas. La duan blazonforman certe ne ĉiuj posedas (mi ĝin sendis al ĉiuj miaj korespondantoj). sed tiu stampo ne aperas en la katalogo. Certe ankaŭ pro mia kulpo, sed neniu, eĉ ne bulgaroj, protestis kontraŭ tiu manko, aŭ almenaŭ atentigis pri ĝi.

Tiu blazonforma stampo nur povas aperi lige kun la datstampo de Burgas kun la datoj: 14. - 16.7.62. En Sofio ĝi ne estis uzata. Cetere: la porokaza speciala poŝtoficejo estis, laŭ mi, la ĝis nun plej stranga; temis pri "ventrobutiko". La poŝtistino promenis tra la kongresejo kun

*(daŭrigo: stampoj)*
antaŭventra, portebla tableto kaj el granda leda teko (poŝo) ŝi vendis pm kaj pk-ojn.

Hodiaŭ la E-klubo en Burgas estas unu el la malmultaj en Bulgario, kiuj postvivis la grandan renversigon de 1990. Pasintjare mi revidis miajn E-amikojn de 1962! Unu el ili hodiaŭ estas urbestro de Burgas kaj ankoraŭ pasie subtenas la urban E-klubon kaj mem partoprenas aktive en la vigla kluba vivo.

Ambaŭ stampoj kaj la pm sur poŝtkarto de 16 07 1962




**DANLANDO**

*La aktuala E-varbstampo de Danlando 1995/1996*

Jam pasintjare mi verkis dufoje artikoletojn pri tiu varbstampo, sur la bazo de informoj senditaj de niaj klubaj amikoj *Jan NIEMANN* kaj *Benny NIELSEN*. Bedaŭrinde ĉiufoje ili malaperis el miaj manuskriptoj. Hodiaŭ mi denove klopodas, des pli, ĉar s-ro *Henning OLSEN* el *NAESTVED* informis pri novaj datoj. Jen la kompleta informo:

1995

| | | |
|---|---|---|
| 20 02 - 31 03 | Midtsjaellands Postcenter | (Ringsted) |
| 24 04 - 02 06 | Kobenhavns Postcenter | (Kopenhago) |
| 24 06 - 04 08 | Ostjyllands Postcenter | (Aarhus) |
| 28 08 - 06 10 | Nordsjaellands Postcenter | (Norda Zelando) |
| 30 10 - 08 12 | Nordjyllands Postcenter | (Aalborg) |

1996

| | |
|---|---|
| 22 01 - 23 02 | Sydkyllands Postcenter |
| 11 03 - 19 04 | ) |
| 13 05 - 21 06 | ) mankas informoj pri la lokoj, |
| 15 07 - 30 08 | ) ni informos poste pri ili |
| 23 09 - 01 11 | ) |

La stampoj estas akireblaj, nur tiuj ekde de 11 03 1996, per sendo de adresita koverto kaj internacia respondkupono de:

Esperanto-Unuiĝo, Fyrrevaenget 4, DK-4700 Naevstved (Danlando)

*(daŭrigo de stampoj de DK):*

La teksto en la stampo estas: ESPERANTO - interpopola lingvo

(La dana vorto "et" ne estas tradukebla en E, ĉar temas pri "nedifinita artikolo") Denove mi esprimas mian sinceran dankon al niaj estimataj NIEMANN; NIELSEN kaj OLSEN!

esperanto
- et mellemfolkeligt sprog




*ĈINUJO*

*ZHANG Linrui informas:*

"...mi sendas al vi 16 kartojn (temas pri paperaj eltondaĵoj) de novaj poŝtstampoj, kiuj estis uzitaj de HAIKOU-PM. La stampoj estas desegnitaj de ZHANG Linrui por novaj pm-oj..."

Krome li ankoraŭ aldonis: "...laŭ la ĉina poŝtregularo jenaj ne estas poŝtstampoj: TJ 94-37, TJ 95-05 kaj TJ 95-10...ili estas nur esperantaĵoj..."

Koran dankon pro tiuj informoj al ZLR. Ni prezentas sube la bildojn de la stampoj. Dankon ankaŭ al nia Heimlich, kiu peris la ZLR-leteron al mi:

stampoj
TJ - NET - 1995

| LVL-Nr; | dato | kat-Nr: | teksto |
|---|---|---|---|
| 11/95 | 23 05 | 222 | la bildo pri printempa ekskurso de sinjorino de Guo regno |
| 12/95 | 08 06 | 223 | ĉina ombroteatraĵo |
| 13/95 | 20 06 | 224 | aŭtvojaj trefokruciĝoj en Pekino |
| 14/95 | 01 07 | 225 | la 20-jara jubileo de establo de diplomatiaj rilatoj inter Ĉinio kaj Tajlando |
| 15/95 | 20 07 | 226 | la lago Tainu |
| 16/95 | 17 08 | 227 | la antikva poŝta stacio |
| 17/95 | 30 08 | 228 | la 150-jara jubileo de la templo Shaolin |
| 18/95 | 01 09 | 229 | raraj bestoj |
| 19/95 | 01 09 | 230 | kulturaj relikvoj de Tibeto |
| 20/95 | 03 09 | 231 | la 50-jara de la venko en la bataloj por kontraŭ Japanio kaj anti-faŝismo |

*(daŭrigo de la ĉinaj stampoj):*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 21/95 | 04 09 | 232 | la 4-a Monda Virina Kongreso de UN |
| 22/95 | 14 09 | 233 | internacia pm kaj monera foiro |
| 23/95 | 05 10 | 234 | la Granda Muro |
| 24/95 | 09 10 | 235 | pejzaĝo en monto Jiuhua |
| 26/95 | 18 10 | 236 | la 100-jara jubileo de la naskiĝo de kino |
| 27/95 | 24 10 | 237 | la 50-jara jubileo de la fondiĝo de UN |
| 28/95 | 01 11 | 238 | memore al la emisio de la tutaĵo de la Musa Jaro |
| 29/95 | 01 11 | 239 | pejzaĝo en la monto Sanqing |
| 30/95 | 10 11 | 240 | pejzaĝo en la monto Songshan |
| 31/95 | 28 11 | 241 | pejzaĝo en Hongkong |
| 32/95 | 04 12 | 242 | la militarta verko de Sunzi |



11/95-222



12/95-223



13/95-224



14/95-225



15/95-226



16/95-227



17/95-228



18/95-229



19/95-230



20/95-231



21/95-232



22/95-233



23/95-234



24/95-235



26/95-236



27/95-237



28/95-238



29/95-239



30/95-240



31/95-241



32/95-242

Esperanto-simpozio en la gubernio Dongfeng

Sur la "Rato-jara pk" mi trovis E-stampon kun la dato: 1995-12-09. Supozeble en la gubernio DONGFENG. La stampo estas nur en ĉina lingvo. La teksto estas:

中国邮政
贺年 (有奖) 明信片
Post of China






SIMPOZIO PRI LA ESPERANTO

DONGFENG situas en la suda regiono de JILIN. En la mezo de tiu stampo videblas E-stelo kaj kolombo kun laurobranĉo en la beko. Ni jen montras ĝin al vi kaj esperas ricevi klarigojn pri ĝi el Cinujo.

FRANCUJO

*Andre Sadier pri novaj francaj E-stampoj*

51-a Kongreso de SAT-Amikaro en Orly
Maŝin-varbstampo kun franclingva teksto pri tiu kongreso:






*(daŭrigo de stampoj):*
La stampobildo montras aviadilon el la komenco de nia jarcento. Sub la kadro de la teksto la nomo de poŝtejoj:
ORLY AEROGARE + dato au
ORLY PPAL + dato (ĉefpoŝtejo de la urbo)
La maŝin-varbstampo funkcias de 09 01 ĝis la 09 04 1996.

50-a Kongreso de la Rhone-Alpa E-Federacio
Maŝinvarbstampo kun francligva teksto pri la kongreso:

50e CONGRES DE LA FEDERATION
RHONE-ALPES D'ESPERANTO
LA LANGUE INTERNATIONALE
VALENCE 30/31.03.96
VALENCE HUGO 2--1-96




La stampilo funkcias de la 02 01 ĝis la 31 03 1996.

*"Mi estas dulingva - Kaj vi?"*
Maŝin-varbstampo kun E- kaj franca tekstoj (ĉifoje kursiva) por propagandi E-on:

ESPERANTO
*Mi estas dulingva*
*Je suis bilingue*
*Kaj vi?*
*Et vous?*
AMIENS C.T.C. 6-1-96




La stampilo funkcias de la 06 01 ĝis la 06 04 1996.

Al nia SADIER mi direktas koran dankon pro la senditaj informoj kaj stampkopioj, kiujn ni supre prezentas.

*K O L O M B I O*

*Kolombio - nova lando en nia E-stampo-katalogo*

S-ino d-rino Betty CADAVID sendis al nia HIRSCH afrankitan koverton, La pm estas nuligita per normala datstampo de BOGOTA 2 kun la dato de 24 11 1995. Sur la pm ni ankau trovas memorigan apudstampon kun la teksto:



*(daŭrigo stampoj):*

maldekstre en la stampo de Kolombio estas E-flago. La dua stampo, maldesktre de la pm, estas sambilda gumstampo.

Gratulon al Kolombio pro ĝia unua poŝtstampo. Certe estas grandparte merito de nia d-ino Betty Cadavid, do, koregan dankon.

*Pri la E-movado en Kolombio*

La unua poŝta E-stampo el tiu lando instigis min iomete prezenti al vi la historion de la tiea E-movado. Unuajn precizajn informojn ni havas el la jaro 1909: tiam ekzistis E-kluboj en la urboj: *Altamira, Bucaramanga* kaj *Cucuta*. En Cucuta aperis la unua komlombia E-gazeto: **KOLOMBIA STELO**. Unu el niaj pioniroj estis *d-ro Abel de J. Rico*. Li multe propagandis E-on kaj gvidis multajn kursojn. Ankoraŭ en 1934 lia nomo aperis en la UEA-Jarlibro. Dua elstara pioniro estis *San Jose de Sucula.*

1910 la kluboj fondis la *"Ligon de kolombiaj E-istoj"* kaj en 1911 la Prezidanto de la Respubliko Kolombio akceptis tiun Ligon sub sian Patronecon. Laŭ esploro de *d-ro Dietterle* ekzistis 1928 en 7 kolombiaj lokoj E-istoj. Iam poste tiu Ligo mortis por refondiĝo en la jaro 1966 sub la nomo *"Kolombia E-Ligo"*.

Hodiaŭ niaj kolombiaj esperantistoj denove vigle agadas kaj inter ili, speciale sur la filatela kampo, nia Betty Cadavid.

*Eltranĉaĵo el la UEA-Jarlibro 1934:*

Kolombio
Colombia — República de Colombia
Sogamoso (Sugamuxi Boyaca). 25 000.
*D:* Abel de J. Rico, kuracisto

De tempo al tempo ni ankaŭ volas montri bele stampitajn kovertojn/poŝtkartojn de diversaj kongresoj. Ĉi-foje de la 17-a UK en Geneve (CH)



*(daŭrigo stampoj)*

*Patera reagis pri stampo-horindikoj*

Nia amiko skribas al mia demando en LVL 22(101): "Mi posedas la stampojn de GDR katalog-no: 39 kun la datoj: 16.11.89.14 kaj 16.11.89.15. Ambaŭ sen vivodatoj.

Krome mi havas E-pk kun PL katalog-no: 26 kun la dato: 17 12 1964..."

Ni dankas al vi, kara amiko PATERA. Viaj informoj forigos katalogajn dubojn.

*Atentigo de la katalog-prilaboranto: Se vi havas stampojn kun aliaj datoj ol en la katalogo indikitaj, tiam bv. ĉiam kunsendu fotokopion, alikaze ni ne povas trakti ilin.* *Richard Hirsch*

*Nia Amouroux ankaŭ havas informojn pri stampo*

Li ankaŭ reagis pro la stampo de PL katalog-no: 26. Li posedas stampojn kun la datoj 16.12. kaj 17.12.1964..." Krome li posedas de PL katalog -no: 24 datstampojn de 18.9. kaj 19.9. 1964.
*(bildoj sekvos en la venonta LVL)*

Li ankaŭ sendis kopion de la stampo de Oberkirch (D), katalog-no: 11 kun la dato: 2.7.1962 kaj "alvenstampo" de Budapest 62 VII.10. 15. Klarigon pri la poŝta uzo ni ne havas. Supozojn jes. La stampilo ja havas moveblan dato-parton. Ne malofte okazas, ke la stampilo post la lasta tago de la uzado restas en la poŝtejo, antaŭ forsendo de la stampilo al la poŝtcentro. Cetere estus bone, se ni ricevus kopion pri la tuta poŝtaĵo.

Koran dankon al nia AMOUROUX pro la valorega reago.

*(Rimarko de HIRSCH: mi estas informita, ke s-ro HEISS esploras la aferon)*










*La Esperanto- "JUGOMARK" - folio*

**E-POŜTMARKOJ**

Multaj kongresanoj de la 73-a UK en Roterdamo, 1988, ĝin konas:
*La reklamfolio de la firmao "JUGOMARKO"*
kun la bildo pri la bloko de PTT Jugoslavio, eldonita okaze de "100-jara jubileo de Esperanto". Iu fripono de tiu lando vendis tiujn reklamfoliojn al nespertaj interesuloj kaj deklaris tiujn foliojn kiel poŝtmarkojn. Dorsflanke tiu folio havas tekstojn en pluraj lingvoj:

*Folio A: en kvar lingvoj (sendis ĝin siatempe HLEBAROV)*
*Folio B: en la angla, franca kaj germana lingvoj.*

*(daŭrigo JUGOMARKO)*
Tiun lastan mi nur nun trovis ĉe nia Ivar PAULSSON en postlasaĵoj de Kurt LINDSTRÖM. Mi tute ne kondamnas tiujn reklamfoliojn, eĉ kolektas ilin, se hazarde mi trovas tiujn pri E-pm. Tiuj reklamfolioj ricevas redakcioj de prestiĝaj filatelaj gazetoj kaj ankaŭ filatelaj firmaoj. Mi trovis tiajn de la kuba E-pm kaj de la ĉina kaj belga E-pm-oj. Eble vi konas aliajn. Por specialistoj mi citas el la teksto:

*mezuro: 30x37 mm bildo: 26x33 dentumado 13 1/4*
*eldontago: 14 07 1988 valida: ne limigita*

Eldono de speciala koverto kaj de UTK, eldonkvanto ne menciita. Mi estas informita pri la eldonkvanto: 190 000. Ĉiu folio kun 8 pm . Ĉu 190 00 pm-oj, ne estas klara. 23 750 pecoj estus iom malmultaj.



# E-MEDALOJ

## Honormedalo de ICK de Esperanto-Movado

Pri ĝi nia JANKOWSKI ankoraŭ ne sciis. Mi trovis pri ĝi nur nun informon en la libro *"50-jaroj kun Paul NYLEN"* sur paĝo 43:

*"1933 "La Espero" de septembro informas: En la Jubilea Kongreso de Kolonjo estis transdonita al Paul NYLEN, la honormedalo de la Internacia Centra Komitato pro lia servado al nia movado. Krom li tiun medalon ricevis nur kelkaj eminentuloj en Esperantujo..."*

Klarigo pri la sampaĝa foto diras *":... La prezidanto de la Loka komitato de la 26-a UK, T. JULIN,. transdonas al li la honormedalon..."* Feliĉe troviĝas ankaŭ foto pri la ronda medalo. La teksto sur la medalo: *"Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, Genevo. Al s-ro redaktoro P.Nylen, Stokholmo. pro la granda servado al Esperanto. -1933-.*

Pri mezuro, averso, reverso kaj metalo ne estas informoj en tiu libro.

## *Aperis la libro: "ESPERANTO-MEDALOJ 1912 - 1995"*

Nia JANKOWSKI eldonis en novembro 1995 la broŝuron *"Esperanto.Medaloj"*. Havebla ĝi estas ĉe nia Kasisto: Rolf BEAU (adreso vd. paĝo 16) kontraŭ IRK. La prezo momente ankoraŭ ne estas konata.

En la katalogo estas listigitaj 83 medaloj el 24 landoj.

Tute prave JANKOWSKI skribas en la antaŭparolo:

*"... Centok jarojn post la kreo de nia lingvo la komencaj jardekoj de Esperanto malaperis en la nebulo de la forgeso. La pioniroj de nia lingvo jam mortis kaj iliaj kolektaĵoj ofte malaperis. Tial tiu broŝuro celas konservi la scion pri medaloj per kiuj esperantistoj iam estis honorigitaj aŭ atentigis pri la ekzisto de nia lingvo..."*






# KONGRESAJ BILDKARTOJ

## 5-a UK 1909 en Barcelona

La titola paĝo de nia LA VERDA LUPEO de marto 1994 jam prezentis al vi du bildkartojn, de kiuj entute 30 diversaj ekzistas. Ili estas eldonitaj de kataluna entrepreno kiel memoraĵo pri la 5-a UK en Barcelono. La adresflanko ĉiam havas la saman aspekton (tekston). Bildflanke aperas E-lingvaj tekstoj pri entute 30 bildoj:

*1a serio (en E-lingva koverto)*

Palaco de la Grafoj de Barcelono kaj Muzeo Sankta Aŭgusto
Palaco de Kataluna Muziko. orfeono kataluna, flanka facado
Palaco de l'Justeco
Palaco de Belartoj kaj Monumento al "Rius y Taulet"
Templo de la Sankta Familio (konstruata), ĝenerala vido
Templo de la Sankta Familio -Pordo de l'naskiĝo (konstruata)
Katedralo-katedro kaj Horejo
La "Ljotja de l'maro - Salono de Kontraktado
Promenejo de Kolombo
Ŝtuparo de l'Placo de Paco kaj "Mundial Palaco"
Ŝtuparo de l'Placo de Paco-Dogano kaj Monumento al Kolombo
Ramblo de Katalunujo *)kaj monumento al "Clave"
Ramblo de la Floroj *)
Malnova facado de la Urba Domo
Enirejo al Parko "Güell"

*2a serio (en E-lingva koverto)*

Funikularo al l'Tibidado kaj domo "Arnus"
Pinto de l'Tibidado
Parko "Güell", ĉefa stuparo
Akvofalo de l'Parko
Korto kaj ŝtuparo de la "Generalitat de Catalunya"
Facado de la "Generalitat de Catalunya"
Placo de Katalunjo
Detalo de l'haveno
Universitato
Klaŭstro de la katedralo-sprucegilo
Hospitalo de Santa Paulo (konstruata)
Placo de la Kataluna Muziko-orfeono kataluna-ĉefa facado
Ebenaĵo de la "Boqueria" kaj teatro de l'Liceo (Operdomo)
Triumfa Arko, Salono de Sankta Johano
Klaŭstro de Sankto Paŭlo-monumento de la IX-a jarcento

Krome post la 5-a UK la "Eldonejo Esperanto, Leipzig" aperigis serion de E-bildkartoj kun fotoj el la UK. Mi posedas nur:
*malferma kunsido -- La Ruĝa Kruco -- Bicikla Konkurso*
Iliaj seriaj numeroj: 09-34553, 09-34558 kaj 09-34565. Kiu konas eble la mankantajn bildkartojn?
Mi kore dankas al nia Richard HIRSCH, kiu disponigis al mi la supre nomitajn bildkarto-seriojn.

---

*) "Ramblo" = signifas "bulvarda foiro de strat-butikistoj"

S-ro Heimlich pri la stato de la STAMPOBANKO

BILANCO POR LA STAMPOBANKO 1995

| Enspezoj: | en DM | Elspezoj: | |
|---|---|---|---|
| Transpreno 1994 | 49,08 | repagoj de bonhavoj | 755,-- |
| por kotizoj | 156,-- | por materialo | 1.202,50 |
| por materialo | 1.578,-- | pagoj kotizoj al Beau | 156,-- |
| por afrankoj | 139,-- | suplementoj | 32,50 |
| IRK kiel bonhavo de membroj | 448,-- | afrankoj | 161,50 |
| | | saldo | 62,58 |
| | 2.370,08 | | 2.370,08 |
| | ======= | | ======== |

Materiala posedaĵo de la banko: 11.052 E-stampoj, 945 E-TUT, malgranda stoko de E-pm, UTK kaj E-pm sur leteroj.
Bonhavo de membroj: DM 8.926,50; Ŝuldoj de membroj DM 204,30.
Multaj mendintoj, speciale el orientaj landoj, nur pagas per materialo.
El tiu kaŭzo la mona cirkulado ne estas vigla.
Entute mi ne estas kontenta pro la malbona uzado de la banko pere de la membraro. Pruvo estas nur 34 fakturoj en 1995.

Soltau 31 12 1995 signita: Werner Heimlich

*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*=*

Informilo de ELF-AREK
(Esperanto-Ligo Filatelista)
(Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj)
*Offizielles Organ der ArGe Esperanto (laborgrupo Esperanto) im (en la germana) VPhA (Asocio de Filatelaj Laborgrupoj)*
<><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><><>
*Redaktoro:* *Rudolf Burmeister, Max-Müller-Str.62, D-09123 Chemnitz*

*Prezidanto:* Momente vaka, novelekto en preparo

*Kasisto:* *Rolf Beau, Jacobstr. 9, D-04105 Leipzig*

*Banko:* Sparkasse Leipzig, Konto-No: 1 190 223 208
Bankkod-no:(BLZ): 860 555 92

*Poŝtbanko:* *Nürnberg Konto-No: 036 6737-855*
*Bankkod-no.(BLZ): 760 100 85*

*UEA-konto:* *elfx-r:*

*Kotizo 1996:* *okcidentanoj DM 30,--/orientanoj DM 20,--*

*Stampobanko:* *Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-29614 Soltau*

*Kompostis, presis kaj ekspedis* *Richard Hirsch, Lambertstr. 12, D-36251 Bad Hersfeld*